3me Année, N° 30.
Février 1905.

3a Jaro, 30a Numero.
Februaro 1905.

3e Jaar, Nr 30.
Februari 1905.




Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro

Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.

Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL: | KOSTO DE LA JARA ABONO: | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS: |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum): abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ): protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste): inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0,25 fr.** | **Unu numero : 0,25 fr.** | **Het nummer : 0,25 fr.** |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.

Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.

L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*

*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

ENHAVO.



SOMMAIRE.



INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Mr Paul Lengyel, *Fresejo Esperantista*, 33, rue Lacépède, Paris Vème.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Ĉesky Esperantista** (Bohem. Esp.), fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj !** 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga nº 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, fr. 1.50 par an (*1.50 fr. 's jaars*). La Sekretario de la Esperanta Societo, cas. 1989, Santiago, Chili.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1904 (*3.00 fr. voor 1904*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana** fr. 3.00 par an (*3.00 fr. s' jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Carniceros, 3 Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Clegg, 14, Norfolkstreet, Strand. London.

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio.** Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiusabate je la 8 ½ horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo: Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5a.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo.** Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Dro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo.** Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo.** Sidejo : Café du Petit Trianon, bd de la Sauvenière. Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretario : G. Sloutzky, 93b, rue Jean d'Outremeuse, Liége.

**Esperantista Grupo en Meĥleno.** Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista grupo en Andenno.** Prezidanto : Doktoro Mélin, Sekretario Sro Rambeaux, Andenne.

**Universitatoj Popolaj en Cureghem, Molenbeek kaj St Gilles (Bruselo)** (formigotaj grupoj.)

3me Année, No 30. Février 1905. | 3a Jaro, 30a Numero. Februaro 1905. | 3e Jaar, Nr 30. Februari 1905.




| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

# *Rondirantaj Gazetoj.*

ALVOKO.

La tuja uzado de Esperanto estas plej grava por la estonta disvastiĝebleco de nia afero. Nia lingvo staras nuntempe sufiĉe konata por ke la esperantistoj povu ricevi el ĝi profitan kaj propran utilon. Ni havas mirindan interkomunikilon kaj ĉiopovan helpilon de l' internaciaj rilatoj ; ni sciu ĝin uzi : tio estos la plej prava argumento kontraŭ la skeptikuloj kaj malfervoruloj. Inter la jamaj utiloj havigeblaj per Esperanto, unu el la plej interesaj kaj originaj, estas la kreo de *rondirantoj*, manuskriptaj *gazetoj* inter diversnacianoj pri komuna, interkonsentita temo. En la nuna tempo, ĉia profesio, scienco aŭ okupajo ne povas havi sian specialan tutmondan revuon pro la nesufiĉa multeco de siaj anoj, sed almenaŭ ĝi povas havi inter siaj samprofesianoj rondirantan gazeton, kiu sciigos ilin pri ĉio okazanta en la mondo, kiu ebligos al ili fruktodonan interŝanĝon de penoj kaj ideoj. Rondiranta gazeto estas revuo, kie ĉiuj kunlaboras ; ĝi estas pli interesa ol privata korespondado aŭ pli vere ĝi estas plivastigita korespondado pri certa celo. La nombro de tiuj gazetoj en l' esperantistaro estas do pliiginda. Mi deziras altiri vian atenton pri nova organizaĵo, nome « *Voĉo Internacia* », fondita jam de kelka tempo kaj plivastigota, laŭ ĵusa decido. Jen ĝia organizeco : La tuta rondo konsistas el sekcioj, kies nombro estas senlima. Ĉiu sekcio havas plie 6 anojn diversnaciajn kaj inter ili manuskriptan gazeton rondirantan laŭ konsentita vico. Ĉiu sekcio celas difinitan temon de interkorespondado : la temaro dividiĝas el jenaj ĝeneralaj fakoj :

1a Fako : *Literaturo & Studo de Esperanto.*
2a — *Sciencoj.*
3a — *Filozofio & Religio.*
4a — *Pedagogio & Edukado.*
5a — *Socialaj demandoj* (uzebla de diversaj sampartianoj).
6a — *Komerco.*

Al ĉiu partoprenanto, Rondirantaj gazetoj havigas akiron de vere internacia esperanta stilo, personan profiton pri la intereso de la laboroj, amikan

interrilatiĝon kun alilandaj samideanoj, alie ne konataj.

La entrepreno estas granda kaj utila; por ĝin progresigi ni bezonas aniĝojn kaj bonvolojn. Kiu deziras uzi Esperanton, interdisputi kun alilandanoj pri sama afero, tiu *aliĝu* al « Voĉo Internacia » kaj *diskonigu* ĝian celon.

— Por ĉiuj sciigoj, aniĝoj, kreo de novaj sekcioj, kc..., kc.., oni sin turnu al la Rondestro :

H. HODLER.
9, Avenue des Vollandes, *Genève.*
(Svisujo).

Por la informpetoj, oni bonvolu meti poŝtmarkon aŭ poŝtkarton por respondo.

## Tra la Mondo Esperantista.

Malĝoja sciigo ĵetis iom da konfuzo ĉe la mondon Esperantistan : nia kara Doktoro Zamenhof estas alvokita por partopreni en la medicina servo ĉe la Manĝuruja armeo. Tamen, laŭ la lastaj ricevitaj sciigoj, li eble estos liberigita pro sia aĝo kaj ankaŭ pro sia profesio ; ĉar li estas doktoro-okulisto kaj la ĥirurgiistoj estas precipe difinitaj por dejoro. Se nia majstro, malgraŭ tio, estus alvokita al la danĝera devo flegi siajn sampatrujanojn sur la batala kampo, li kunportos la simpatiajn dezirojn de ĉiuj Esperantistoj pri sia baldaŭa reveno inter siaj admirantoj.

El Manĝurujo ni ricevis longan leteron de Sro Kazi Girej pri la terura militado. Ni publikigos tiun tre interesan verkon en nia Marta numero.

***

La nova ĵurnalo Angla : The British Esperantist estas la oficiala organo de la Angla Societo kaj, krom la sciigoj pri la multnombraj Anglaj grupoj, ĝi enhavas tre bonajn artikolojn pri literaturo, interparolado, sintakso, k. t. p.

Ni deziras bonvenon al la dua Angla ĵurnalo kaj ni gratulas niajn Anglajn amikojn, kiuj tiel kuraĝe, bataladas por la disvastigado de la lingvo. Nia kunfrato « Lingvo Internacia » faras pli kaj pli feliĉajn progresojn De la unua de Januaro, ĝi estas duonmonata ; la jara abono estas 5 frankoj kaj kun literatura aldono 7.50 frankoj. Tiu ĉi aldono estas nun presita sub libra formo ; ĝia unua kajero enhavas tradukon de la mistera rakonto de Guy de Maupassant : La Horlo.



Dum la pasinta monato ni ricevis grandanombron da novaj Esperantistaj libroj. Ni daŭras presi,

### A travers le Monde Espérantiste.

Une attristante nouvelle a jeté quelque peu de trouble dans le monde Espérantiste : notre cher Docteur Zamenhof est appelé pour prendre part au service médical dans les armées de Mandchourie. Cependant aux dernières nouvelles reçues, il sera probablement exempté à cause de son âge et aussi de sa spécialité; car il est oculiste et les chirurgiens sont principalement indiqués pour prendre du service.

Si notre maître, malgré tout, était appelé au périlleux devoir de soigner ses compatriotes sur le champ de bataille, il emportera les vœux sympathiques de tous les Espérantistes pour son prochain retour au milieu de ses admirateurs.

Nous avons reçu une longue lettre de Mandchourie au sujet de la terrible guerre, lettre émanant de M. Kazi Girej. Nous publierons cette intéressante relation dans notre numéro de mars.

***

Le nouveau journal Anglais: *The British Esperantist* est l'organe officiel de l'Association Anglaise et, outre les communiqués concernant les nombreux groupes Anglais, il contient de très bons articles sur la littérature, la conversation, la syntaxe, etc.

Nous souhaitons la bienvenue au second journal Anglais et nous félicitons nos amis de là-bas, qui, si vaillamment, combattent pour la diffusion de la langue.

Notre confrère *Lingvo Internacia* fait de plus en plus d'heureux progrès. Depuis le premier janvier il est bi-mensuel; l'abonnement annuel est 5 frs et avec le supplément littéraire 7.50 fr Ce supplément est actuellement imprimé sous forme de livre; son premier cahier contient la traduction de la mystérieuse nouvelle de Guy de Maupassant : Le Horla.

***

Pendant le mois écoulé, nous avons reçu un grand nombre de nouveaux livres Espérantistes. Nous continuons à donner,

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Eene bedroevende mare heeft eenige onrust in de Esperantische wereld veroorzaakt: onze duurbare Dokter Zamenhof is geroepen om deel te nemen aan den geneeskundigen dienst in de legers van Mandchourie. Nogtans, volgens de laatst ontvangen berichten, zal hij waarschijnlijk uitgezonderd worden ter oorzake van zijnen ouderdom en ook van zijne specialiteit; want hij is oogmeester en het zijn de heelmeesters die voornamelijk aangeduid zijn om dienst te nemen*

*Indien onze meester, ondanks alles, geroepen werd tot den gevaarlijken plicht zijne landgenooten op het slagveld te verplegen, zal hij van alle Esperantisten de welgemeende wenschen tot spoedige terugkomst te midden zijne bewonderaars mededragen.*

*Wij hebben van Mr Kazi Girej, uit Mandchourie, nopens den schrikkelijken oorlog, een langen brief ontvangen. Wij zullen deze belangwekkende geschiedenis in ons Maartnummer uitgeven.*

***

*Het nieuw Engelsch blad*: The British Esperantist *is de officiëele tolk van de Engelsche Vereeniging en, buiten de mededeelingen nopens de talrijke Engelsche groepen, behelst het zeer goede artikels over de letterkunde, de spreekwijze, de woordenleer, enz.*

*Wij verwelkomen het tweede Engelsch blad en wenschen onze vrienden van ginder geluk, zij, die zoo dapper strijden voor de verbreiding der taal.*

*Onze medebroeder* Lingvo Internacia *doet al meer en meer gelukkige vorderingen. Sedert den eersten Januari is hij tweemaandelijksch; de jaarlijksche inschrijvingsprijs is 5 frs. en met het letterkundig bijvoegsel fr. 7,50. Dit bijvoegsel wordt nu in boekvorm gedrukt; zijn eerste bundel bevat de vertaling van de wonderlijke novelle van Guy de Maupassant*: « *Le Horla* ».

***

*Gedurende de verloopen maand, hebben wij een groot getal nieuwe Esperantische boeken ontvangen. Wij doen voort met op het laatste*

sur la lasta folio de la gazeto, ĉiujn sciigojn kaj klarigojn pri adreso kaj prezo de la broŝuroj.
La Grupo Esperantista Pariza eldonis Katalogon de la libroj mendeblaj de ĝi, kiu montras la gravan; nombron de la Esperantaj verkoj.

Sro A. Dombrovski verkis belan broŝuron pri unu speco de kurbaj linioj koncernantaj la Van Eŭklidan postulaton kies konkludon jam li publikigis dum 1902 Alian sciencan libron ni ricevis pri la rezisteco de la ferkolonoj, priskribita de Dro Federiko Villareal el Lima.

Tiujn librojn ni precipe rekomendas por la disvastigado ĉe la Scienca mondo.

« Trafendita turo » de Sro Th. Cart kaj « La supujo » de Sro Sam. Meyer, jam presitaj en ĵurnaloj, estas de nun akireblaj sub broŝura formo.

Ni citu ankoraŭ la Hispanan Jarlibron Esp. por 1905 kiu estas tre utila kaj kiu povas montri ekzemplon al la aliaj Societoj por eldono de sama jarlibro ; la Franca Societo intencas ankaŭ eldoni siavice Jarlibron de siaj membroj.

***

El Rusujo, kie preparo de ĵurnalo estas iome haltigita pro diversaj kaŭzoj ni ricevis tre bonan sciigon. Sro Boguŝeviĉ skribas al ni ke la scienca revuo « Kuriero de l'Scio » disdonas al ĉiuj siaj legantoj, senpage « novan lernolibron de la lingvo Internacia Esperanto » kaj publikigas artikolojn tute favorajn por praktika disvastigado ; malmulte da okcidentaj revuoj faris saman servon al nia afero. Tamen — ĉar la lumo elvenas el malproksimo — la Afrikaj Jarnotoj (Annales Africaines) enhavas regule tutan paĝon por « Esperanta Revuo. » Tiu ĵurnalo aperas en Alĝero, niaj legantoj divenis ke la tiea grupo ankoraŭ sukcesis en sia agado.

***

Kio estas viksolo ? Sub tiu ĉi enigma titolo ni ricevis malgrandan broŝuron kiu rekomendas kuracantan aparaton ; tio pruvas, kun mil antaŭaj pruvoj, ke la komerca mondo trovos en Esperanto, multajn profitojn. La Angloj, praktika gento, uzas multe tiun rimedon de kelka tempo kaj kredeble la

---

sur la dernière feuille du Journal, toutes les informations et explications concernant les adresses et le prix des brochures. Le groupe de Paris a édité un catalogue des livres qu'on peut se procurer chez lui; cet opuscule nous montre le nombre important des ouvrages relatifs à l'Esperanto.

M. A. Dombrovski a écrit une belle brochure au sujet d'une famille de lignes courbes concernant le Vme Postulatum d'Euclide, dont il avait déjà publié la conclusion en 1902. Nous avons reçu un autre ouvrage scientifique, traitant de la résistance des colonnes en fer, écrit par le Dr Frédéric Villareal de Lima. Ces ouvrages nous seront d'un grand secours pour la propagande dans le monde scientifique.

« Trafendita turo » (La tour fêlée) de M. Th. Cart et « La Supujo » (La soupière) de M. Sam. Meyer, qui ont déjà paru dans les journaux, sont en vente sous forme de brochure.

Citons encore l'Annuaire Espérantiste Espagnol pour 1905 qui est fort utile et qui peut servir d'exemple aux autres Sociétés pour l'édition d'un semblable annuaire; la Société française a l'intention d'éditer de son côté un annuaire pour ses membres.

***

De Russie, où la préparation du nouveau journal est un peu retardée pour divers motifs, nous avons reçu une très bonne nouvelle. M. Boguŝeviĉ nous écrit que la revue scientifique « Courrier de la Science » distribue gratuitement à ses abonnés un nouveau manuel de la langue Esperanto et publie des articles entièrement favorables à une diffusion pratique ; peu de revues occidentales ont rendu un tel service à notre cause. Cependant — car la lumière nous arrive de loin — les Annales Africaines contiennent régulièrement une page entière consacrée à la revue de l'Esperanto. Ce journal paraît à Alger, nos lecteurs auront deviné là un nouveau succès dû au groupe local.

***

Qu'est le Vixol ? sous ce titre énigmatique nous avons reçu une petite brochure qui recommande un appareil médical; cela prouve, avec mille preuves antérieures, que le monde commercial trouve dans l'Esperanto de nombreux profits. Les Anglais, race pratique, emploient beaucoup ce moyen depuis quelque temps et vraisemblablement le succès récompense

*blad van de gazet al de inlichtingen en den uitleg nopens de adressen en de prijzen der werken te geven. De groep van Parijs heeft eene lijst uitgegeven der boeken welke bij haar te verkrijgen zijn; dit werk toont ons het belangrijk getal Esperantische boeken.*

*Mr A Dombrovski heeft een schoon boekje geschreven over een slag van gebogene lijnen, betreffende het Vde Postulatum van Euclide, waarvan hij reeds in 1902 de besluitselen uitgaf. Wij hebben nog een ander wetenschappelijk werk ontvangen, handelende over de wederstandskracht der ijzeren zuilen, beschreven door Dr Frederik Villareal van Lima. Deze werken zullen ons van groot voordeel zijn voor de propaganda in de wetenschappelijke wereld.*

*« Trafendita turo » (De geborsten toren) van Mr Th. Cart en « La Supujo »* (De Soepkom) *van Mr Sam. Meyer, die reeds in de dagbladen verschenen, zijn te koop onder vorm van boek.*

*Noemen wij nog het Spaansch Esperantisch Jaarboek voor 1905, dat zeer nuttig is en dat tot voorbeeld kan dienen aan de andere Maatschappijen voor de uitgave van dergelijk jaarboek ; de Fransche Maatschappij is van zin van haren kant een jaarboek voor hare leden uit te geven.*

***

*Uit Rusland, waar de voorbereiding van het nieuw blad voor verscheidene redenen wat ten achter is, hebben wij eene zeer goede tijding ontvangen. M. Boguŝeviĉ schrijft ons dat het wetenschappelijk tijdschrift « Courrier de la Science » aan zijne inschrijvers kosteloos een nieuw handboek van de Esperantische taal uitdeelt, en artikelen uitgeeft die gansch voordeelig zijn aan eene dadelijke verspreiding ; weinig westersche tijdschriften hebben een zoo belangrijken dienst aan onze zaak bewezen. Nogtans, — want het licht komt van verre — behelzen de « Annales Africaines » regelmatig eene gansche bladzijde Esperantisch Overzicht. Dit blad verschijnt te Algiers, onze lezers zullen daar een nieuwen bijval van de plaatselijke groep geraden hebben.*

***

*Wat is de Vixol ? Onder deze raadselachtige hoofding hebben wij een klein boekje ontvangen, dat een geneeskundig werktuig aanbeveelt ; dit bewijst, met duizenden vorige bewijzen, dat de handelswereld in het Esperanto talrijke voordeelen vindt. De Engelschen, werkzaam ras, gebruiken sedert eenigen tijd veel dit middel, en waarschijnlijk worden de nieuwigheidsinvoerders met bijval be-*

sukceso rekompensas la novamantojn ĉar la nombro da komercaj reklamoj pligrandiĝas ĉiutage.
Ĉu vi volas renkonti Esperantan kolonion ? La amikoj kiuj vizitos Parizon povos tre facile tion fari ; la 12an de ĉiu monato, la Esperantistoj kiuj estas en Parizo, kunvenas en Esperantista vespermanĝo ĉe la restoracion « Petit Vefour ». Sin turni por klarigoj al la Pariza Grupo.

***

En la Ekspozicio de Sa Luis (Ameriko) la Pariza Esperantista grupo ricevis arĝentan medalon, rekompensantan la belan aron da Esperantistaj dokumentoj kunigitaj de la Grupo kaj senditaj al la Ekspozicio. La dokumentoj servos eble al nova ekspozicio en Boulogne sur Mer dum la Kongreso.

Jos. JAMIN.

---

les novateurs puisque le nombre de réclames commerciales va en augmentant tous les jours.
Désirez-vous rencontrer une colonie Espérantiste ? Ceux de nos amis qui visiteront Paris pourront très facilement le faire; le 12 de chaque mois, les Espérantistes se trouvant à Paris se réunissent au dîner Espérantiste qui a lieu au restaurant du « Petit Véfour ». S'adresser pour tout renseignement au Groupe de Paris.

***

A l'Exposition de St. Louis (Amérique) le Groupe Espérantiste de Paris a obtenu une *Médaille d'argent* en récompense de la belle collection de documents Espérantistes que le groupe avait réunie et envoyée à l'exposition.
Les documents serviront probablement à une nouvelle exposition à Boulogne sur Mer pendant le Congrès.

Jos. JAMIN

*loond, vermits het getal handelsaanbevelingen dagelijks vergroot.*
*Wilt gij eene Esperantische kolonie tegenkomen ? Deze onzer vrienden die Parijs zullen bezoeken, kunnen het gemakkelijk doen ; den 12en van elke maand vergaderen zich de Esperantisten die te Parijs zijn, aan het Esperantisch noenmaal, dat plaats heeft in de spijszaal van « Petit Véfour ». Voor alle inlichtingen, zich te wenden tot de Groep van Parijs.*

***

*Op de tentoonstelling van St-Louis (Amerika) heeft de Esperantische groep van Parijs eene zilveren medalie behaald, tot belooning van de schoone verzamelingen Esperantische stukken welke de groep verzameld en naar de tentoonstelling gezonden had.*
*De stukken zullen waarschijnlijk dienen voor eene nieuwe tentoonstelling, te Boulogne a/zee, gedurende het Kongres.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Avizoj.

La ĉiutaga Belga gazetaro publikigas la sekvantan avizon :

*Interesa Kongreso.*

« En la fino de la venonta Septembra monato, « okazos en *Mons* (Belga urbo), en la lokoj de la « Provinca Gubernio, internacia Kongreso pri tut- « monda ekonomia vastigo.
« Certe de nun, Lia Reĝa Moŝto prezidos unu el « la kunsidoj de tiu Kongreso, kiu altiros, en la « supredirita urbo, klerulojn el la tuta mondo. La « Kongreso daŭros dum tri tagoj. »

—

La avizo ne aldonas kian lingvon oni uzos en tiuj kunvenoj kaj, en tiu ĉi kongreso tiel kiel en la aliaj, la malsameco de la uzotaj lingvoj haltigos la espereblajn rezultatojn pro nekompreno.
La « Borena » (*) urbo fariĝos dum kelkaj tagoj, nova Babelturo kaj Esperanto trovos certe tien, bonan okazon sin prezenti kaj proponi sian helpon. Ankoraŭ en ia proksima numero ni ekzamenos la demandon, sed de nun, ni altiras al tiu Kongreso, la atenton de ĉiuj amikoj niaj kaj Esperantistaj Societoj.

***

Kelkaj grupoj kaj samideanoj petis de ni ian rabaton pri la prezoj de la abonkosto de nia ĵurnalo. Kelkaj el ili proponis ankaŭ al ni rikolti la abonojn ĉirkaŭ ili kaj fariĝi riprezentantoj de nia ĵurnalo sub difinotaj kondiĉoj.

(*) Boreno, Borenujo = France : borain, Borinage. Parto de la Suda Belgujo, kie oni trovas grandnombron da terkarbaj minoj.

Tion ni ne povas akcepti.
En la nuna stato la ĵurnalo al ni kostas pli da mono ol ni ricevas, ĉar la prezoj : 2.50 fr. en Belgujo kaj 3.00 fr. en alilandoj estas tro malaltaj. Niaj proktektantaj abonantoj permesas tamen al ni, daŭrigi nian taskon, ĉar ili pagas la veran prezon : 5 frankojn. Pro diversaj kaŭzoj kaj post eksperimento, ni decidis ke la abonoj estos regule konsentitaj nur kiam nia administranto ricevas la pagon.
Do, de nun ni petas ĉiujn korespondantojn niajn, ke ili notu la sekvantajn punktojn :
1e Nenian rabaton ni konsentas.
2e La personoj kiuj volonte rikoltas niajn abonojn devas sendi, ne mendon, sed monon. Se ne, la abonoj ne estas riceveblaj.
3e Memoru ke nia jarkolekto komencas de Septembro.
4e Ĉiam skribu detale kaj klare la adresojn.
5e La poŝtmarkojn ni akceptas po la 3/4 de la markita valoro. Por la Rusaj abonoj, ni akceptas : 40 kopekoj valoras unu frankon.
Tiujn kondiĉojn ni devas postuli por eviti perdon da mono aŭ da tempo, pli kara ol la mono.

***

Pro samaj kaŭzoj ni povas akcepti komisiojn aŭ abonojn nek por la aliaj Esperantistaj ĵurnaloj, nek por la grupoj. La koverto de nia ĵurnalo enhavas sufiĉe da sciigoj pri la adresoj de la ĵurnaloj, societoj, librejoj, k. t. p.
Tamen la redakcio kaj la administracio ĉiam respondos leteron kiu enhavas poŝtmarkon por respondo.

# Musketo.

## I.

Mi estis doninta al ĝi la amikan nometon Musketo, kaj kiom da fojoj mi elparolis afekteme kaj dankeme tiun nomon « Musketo », al kiu mi ŝuldas mian feliĉon !

Vi volas ĝian portreton ? Jen ! sed tio ne klarigos al vi multe, ĉar vi ne havas kontraŭ Musketo samajn aldonitecajn tialojn kiujn mi havas. Amante ĝin kiel mi ĝin amas, mi nature inklinas por trovi al ĝi kvanton da ecoj kiujn vi, indiferentulo, ne estimos tiom kiom mi estimas ilin.

Vi do sciu ke Musketo estas sufiĉe granda, ĝi havas rondigitan talion, rektan kaj bone formitan nazon, buŝon kiu montras tre blankajn dentojn, okulojn ekstreme dolĉajn, sentiman, bonan kaj honestan rigardon kaj tre maldikajn ekstremaĵojn, kiuj estas nedubebla distingeca signo. Eble, por malinteresuloj, tio ne formos estaĵon escepte belan. Persone, mi ne tiom atentas pri l' estetika pureco de linioj. Mi vidas Musketon tra ĉarmantaj memoroj, kun mia koro plenigita je sentebleco kaj korsento, kaj tio sufiĉas al mi por ke Musketo aperu al mi ravan sen dubo. Mi ne volus ĝin alian ol ĝi estas.

Ĉu mi detalos pli longe ĝian portreton ? Ĝia marŝado estas malpeza kaj regula. Ĝi antaŭiras gracie kaj indece, metante delikate sur la teron ĝiajn malgrandajn piedojn kaj movante dekstren kaj maldekstren ĝian kapon laŭ aparta maniero, kiu ŝajnas al mi nepre loginda.

More, Musketo havas seriozajn ecojn. Ĝi estas tre dolĉa, sindonema, vere afektema, precipe por mi, kies sentojn ĝi jam de longe konas. Mi neniam vidis ke ĝi faris konscie malbonon al iu. Nenian laboron ĝi rifuzas, nenia lacado teruras ĝin. Ĝi plenumas trankvile, humile kaj pacience sian laboron, kiom ajn laca tiu ĉi iafoje estas.

Ĝi havas, mi tion konfesas, malecon. Kiu havas nenian ? Tiu maleco estas tiom pli stranga, kiom ĝi estas tute fremda al kutima karaktero de mia kara Musketo. Sed, mi malprave plendus pri tiu maleco, ĉar ĝi estas precize tio, kio estis la malrekta deveno de mia feliĉego.

Musketo kiu, ordinare, estas la dolĉeco mem, estas iafoje subite premita, oni ne scias la kaŭzon, per nekomprenebla kaprico. Ĝi tute rifuzas fari tion, kion oni petas de ĝi, kaj tiam tio estas obstineco, kaj de tio, nenio povas triumfi ; pasiva kontraŭstaro, kiun nek petoj, nek ordoj, nek minacoj povas venki.

Cetere, estas nur momenta afero, kaj mi eĉ rimarkis ke, en tiu okazo, la krizo mallongiĝas tiom pli, kiom oni faras malpli da penadoj por ĉesigi ĝin.

Oni devas nur atendi. La kaprico foriras sen helpo ; subite, ĝi finiĝas kiel ĝi komenciĝis, sen aperinta kaŭzo. Musketo eĉ revenas je sia bona, facila kaj dolĉa karaktero.

Ĝi prenas eĉ zorgon por averti vin, ke ĝia krizo estas finita, kaj por peti ke oni pardonu ĝian momentan kapricon, ĝi forte ekblekas.

Ĉar mi ekvidas ke mi forgesis diri al vi ke Musketo estas azenino.

## II.

Kiel mi ŝuldas mian feliĉon al azenino ? Estas tio, kion vi komprenos per sekvanta rakonto.

Mi, en tiu momento, estas tridek-tri jara, kaj sekve, antaŭ tri jaroj, mi estis tridek jara. Tio estas la aĝo, kiun mi difinis al mi mem por edziĝi. Mi nur devis elekti edzinon.

Por efektivigi tiun ĉefan parton de mia programo, mi turnis min al mia bona onklino Ursulo kiu, de l' ekrakonto kiun mi faris, ekkriis ĝoje.

Onklino Ursulo mia, estas necese ke vi tion sciu, havas pasion por edzigi. Ŝi ne faras metion, kredu tion, kaj laboras nur malinterese kaj pro amo de la arto. Sed ĉe ŝi, tio estas furiozo. Ĉia vidvo aŭ fraŭlo, ĉia fraŭlino juna aŭ maljuna kiu falas sub ŝian manon, fariĝas tuj akiro sur kiu ŝi ekzercas, kun nekredebla persisto, sian deziron fari la feliĉon de la aliaj, eĉ malgraŭ ili. Tio, kio estas stranga en tiu sprita dispono de mia onklino Ursulo, estas ke ŝi ne sekvis tiun ĉi ideon por si mem. Post dek jaroj, ŝi estos sepdekjara, kaj ŝi estas ĉiam Fraŭlino Ursulo. Ĉu tio estas kaŭzo elvenanta de ŝi aŭ eraro de homoj kiuj neniam sciis estimi tre verajn ecojn de ŝia koro ? Mi ne scias. Mi konstatas tiun fakton tiom pli surprizanta, kiam oni vidas la nedirektan kulton kiun ŝi havas por la amo.

Kiel oni bone pensas, ŝia nevo estis tro facila akiro por ke ŝi ne provu kontraŭ li sian edzigan propagandon ; tuj kiam mi fariĝis plenaĝa, estis grupope ke ŝi oferis al mi heredulinojn, kaj ĉiuj, laŭ ŝia diro, devus fari mian feliĉon.

Sed, mi estas kiel Musketo kiam ĝi havas kapricojn. Mi kontraŭstaras tiom pli, kiom oni plimulte persekutas min, kaj mi kontraŭbatalis ĉiujn postulinojn de mia onklino Ursulo. La blondulinoj, la brunulinoj, la flavruĝulinoj kiujn ŝi montris al mi, estis unu post alia rifuzitaj sen ekzameno. Mi estis decidinta edziĝi, sed edziĝi nur kiam mi estos tridekjara.

Ĝis tiam, oni povus fari nenion !

Oni juĝas la kontentigon de mia onklino Ursulo kiam mi anoncis, la tagon mem de mia trideka jaro, mian intencon forlasi mian fraŭlan staton kaj peti ŝin ke ŝi helpu min, per sia sperteco, serĉi la feliĉan fraŭlinon, al kiu mi donus la ceteron de mia vivado.

Vi ne povus plibone prosperi, kara infano mia ! ekkriis la kara onklino, kun voĉo tremanta pro korsento kaj okuloj malsekigitaj per larmoj de ĝojo. Mi benas la okazon kiu rezervis tiun trezoron por mia kara nevo kaj donos al mi la feliĉon vidi, antaŭ mia morto, unu bonevinon kaj eble unu aŭ du nevidojn. Fraŭlino Atenais Duken estas la perfekteco mem. Unue ŝi estas belulino rimarkinda, sekve ŝi havas inteligentecon eksterordinaran, zorgitan instruitecon, la guston de beletristiko kaj artoj, poste ankoraŭ sufiĉan riĉecon, honorindan familion, unuvorte ĉion !

Mi rompis tiun entuziasmon por demandi al mia kara onklino ĉu ŝi konis persone Fraŭlinon Duken.

— Ne, ŝi respondis. Mi neniam vidis ŝin. Sed Sinjorino Mokler, intima amikino de ŝia onklino, varme rekomendis ŝin al mi. Vi vidas ke ĉiuj

garantiaĵoj ekzistas. Estas necese ke tiu edziĝo okazu, — ĝi okazos!

— La karaktero? mi mallaŭte riske diris.

— Ĝi povas esti nur ĉarma, kun ĉiuj ecoj kiujn posedas Fraŭlino Atenais. Iru do antaŭen, kara infano mia! La antaŭvido de tiu kunligo ravas min kaj vi ne povas rifuzi al mi la feliĉon, kiun mi de longatempe atendas.

## III.

Ok tagoj pasiĝis, kaj post aktiva korespondado interŝanĝita inter onklino Ursulo kaj sinjorino Mokler, mi veturis Pireneojn; la urbeton Z. oni elektis por okaza renkontiĝo inter Fraŭlino Atenais kaj mi.

Mi estis multe malpli entuziasma ol mia kara onklino. La alta inteligenteco de mia pretendulino teruris min iom. Mi konas min. Mi ne estas, kompreneble, malspritulo, sed mi tre bone scias ke mia inteligenteco estas neniel alta. Mi antaŭvidis ke mi estu, rilate tio, malsupre Fraŭlino Atenais.

Poste, mi estis tre maltrankvila pri la rimarkinda beleco de Fraŭlino Duken. Tiu kiu diras «rimarkinda», diras ankoraŭ «rimarkita» aŭ «rimarkota». Mi ne dezirus ke mia edzino estus malbelulino, sed estas sufiĉe ke ŝia beleco estu modesta, por ke ĝi estu rimarkota nur de mi. En laŭdoj de onklino Ursulo, mi intervidis enuaĵojn multnombrajn, kaj mi estus feliĉa se mi povus eviti ilin.

Tamen, mi foriris kun tre forta decido fari ĉion, kion mi povus por iĝi amantulo de Fraŭlino Atenais. Unue ĉar estis propre agrable al mi esti amantulo, kaj due por ne kontraŭdiri mian bonan onklinon, kiu ŝajnis deziri tiun edziĝon kaj, mi devas konfesi ĝin, kies heredulo preferata kaj montrita inter granda nombro da kuzoj kaj kuzinoj mi estas. Kaj, kompreneble, malkontenta movado post perdita espero!....

## IV.

Ses futoj da alteco, rajdantino vestita je robo kies trenaĵo estis fiere ĵetita sur la maldekstra brako, en la dekstra mano kravaŝo kies ŝi frapis la flavan boton kiu aperis sub ŝiaj vestaĵoj, fela ĉapelo malrespekteme starita sur la orelo kaj ornamita per longa agla plumo, tiel aperis al mi por la unua fojo Fraŭlino Atenais Duken, ĉe l' pordo de la hotelo kie mi alvenis tute polvokovrita kaj en stato la malplej prezentebla.

Mi sciis ŝian nomon, ĉar mi aŭdis, dum oni eligis miajn pakaĵojn, du voĉojn kiuj vokis ŝin, la unua forta kaj kruta — tiu de ŝia patrino, ankoraŭ pli granda ol ŝi — la alia fluta, ŝanceliĝanta kaj tima — tiu de ŝia patro, malgranda peco da homo maldiketa kaj malalta.

Pri mi, malkonata de ŝi en tiu momento mi estis. Ŝi faligis sur mian polvoŝirmilon malŝatan rigardon per okulo intence tre maldolĉa, kaj mi ne dubas ke ŝi diris en si mem:

Kio estas tiu malbone kreskita estaĵo?

La unua penso de tiu malbone kreskita estaĵo estis resupreniri sur la veturilon kaj reveturi Parizon; sed mi pensis pri la malespero de mia onklino Ursulo kaj pri la koleraj konsekvencoj kiujn havus por mi tiela decido, kaj mi eniris en la hotelon, salutante tre ĝentile la teruran Atenais, kiu ne respondis mian saluton.

Rimarkinde bela, diris mia onklino! Estas eble ke kelkaj trovu tiel la fieran Atenais. Ŝiaj trajtojn efektive, estis regulaj kaj la linioj perfektaj. Sed, ŝajnis ke ili estis altranĉitaj per hakilo kaj ne havis tion kio faras la veran belecon de la virino: la gracieco.

Vi komprenas ke, kun tiela ekimpreso, tremante, je l' vespero, mi eniris salonon akompanita de sinjoro Duken al kiu mi estis prezentinta min mem kaj kiu intencis siavice, prezenti min al tiuj sinjorinoj kiel juna amiko okaze renkontita.

Ha! tiu malfeliĉa kara homo! Bona, bonega, sed neigita, premegita, platigita inter la du grandulinoj kiuj formis lian familion, kiel estus malfeliĉa malgranda grenero eterne premita inter du muelŝtonoj. Sufiĉis ke mi aŭdis lin diri al mi kun fortega kompata sopiro:

— Ha! estas vi, kiu venas por....

Mi tuj komprenis kia estos mia sorto se mi edziĝus kun Atenais.

Li premis mian manon kun tiu kortuŝebla simpatio kiun oni sentas kiam oni diras adiaŭ al iu, kiu marŝas al turmentado, kaj li kondukis min al tiuj sinjorinoj, kiujn li nomis, balbutante frazon kie li rediris pli ol unu fojo la vortojn «okaza renkontiĝo».

Senutila diplomatio!

Sinjorino Duken ekzamenis mian vizaĝon tra okulvitro kiu faris neordinaran rezultaton sur ŝia vizaĝo de liphara kirasportanto kaj murmuris duonvoĉe — sed mi aŭdis:

— Ne tro malbone! Tiom tiu, kiom alia!

Atenais ekzamenis min de kapo ĝis piedoj kaj neniel konfuzita, diris al mi laŭtege:

— Tiam, sinjoro, vi venas por edziĝi je mi?.... Nu! ni ekzamenos!....

## V.

O onklino Ursulo, neniam vi konis la turmentojn kiujn mi suferis dum la sekvantaj tagoj! Ĉia momento pligrandigis mian timegon, kiam mi vidis mian sorton ligitan eterne al tiu de Fraŭlino Duken, kies maldolĉeco, fiera egoismo, aŭtokrata karaktero aperis en ĉiuj cirkonstancoj kaj formis la kontraŭon de la idealo pri kiu mi de longe pripensis. Mi sonĝis pri dolĉa, amanta, graciema, delikata edzino, ĉarmanta estaĵo kiun mi per senteblaj atentoj ĉirkaŭus kaj kiu rekompensus min per dia rideto, kaj mi falis sur dragonon kun jupoj kiu ordonis, kriadis, komandis, mallaŭdis, preskaŭ blasfemis!

Poetaj esperoj de mia juneco, kio vi fariĝis?

Ĉiutage, malantaŭ mia terura «dolĉulino», mi estis devigata trakuri la plej krutajn kaj la plej danĝerajn vojetojn, en senfinaj ĉevaliradoj, mi kiu malestimas rajdarton kaj havas ĉiujn malfacilaĵojn stari sur selo; revenante, kiel konsolo, mi ricevis el Atenais tiujn graciajn vortojn:

— Vi rajdas kiel pinĉilo, sed mi formos vin!

Ve! mi bone vidis ke, en rajdarto kiel en aliaj aferoj, ŝi intencis «formi» min, kaj ke mi estis difinita por fariĝi dua ekzemplero de malfeliĉa sinjoro Duken, kies sorto estus kompatebla de la sklavoj de centra Afriko.

Vi diros ke mi povus foriĝi, forkuri, foriri for tiu terura estonta agado.

Eble, vi ne konas la nevenkeblan fortecon de dentrado! Kiam la malgranda fingro estas premita, estas necese ke la tuta korpo eniru post ĝi!

Jam, sinjorino Duken familie frapetis mian ŝultron nomante min: « Mia bofilo! » Kaj Atenais, eble kontentigita je mia obeemo, nomis min per mia baptonomo. Ĉiutage mi iĝis pli premita malgraŭ mi. Poste, per ĉia poŝta disdono, mi ricevis ravajn eterojn de mia onklino, al kiu mi ne kuraĝis konfesi la veron kaj kiu parolis pri asekuro al mi de sia tuta monaro kiam mi edziĝus.

Kiel agi?

— Sed, vi diros al mi: Kaj Musketo? Kia estas ĝia rolo en tio?

— Havu paciencon! Vi tuj scios!

VI.

Estis, en nia hotelo, modesta kaj sensignifa fraŭlino, kiu trankvile vivadis en ia anguleto kune kun sia preskaŭ kripla patrino. Neniu prenis atenton pri ŝi, nek ŝi pri iu. Neniam, ŝi promenadis; neniam ŝi amuzis. Per kia nekutima korsento Atenais iam kapricis demandi al la lasita malfeliĉulino akompani nin dum nia eksterpromenado? Tro feliĉa ĉu ŝi povus spiri ion da aero, la juna fraŭlino akceptis.

Ĉar estis decidita ke ni irus tra tre danĝeraj vojetoj, mi rifuzis, malgraŭ severaj kaj mokemaj ridetoj de mia « dragono », akompani ŝin rajde; tiam, oni decidis ke mi piediros, Atenais rajdos sur ĉevalino, kaj la juna fraŭlino Cecilino Landret, sur azenino.

Vi vidu: jen Musketo kiu aperas!

Ni foriris, kaj unue ĉio pasiĝis feliĉe; sed, revenante, Musketo estis obstinanta, kion mi nesciis esti kutima ĉe ĝi kaj, starante rigida sur ĝiaj kvar piedoj, meze la vojeto, kapo al profundegaĵo, ĝi firme intencis ne plu moviĝi.

Atenais, ne atentante sian akompanantinon, daŭrigis vojon kun mi je ŝia flanko. Sed, post momento, mi aŭdis kriegojn: Helpo!...... Helpo!...... Malfeliĉa malgranda Cecilino pensis ke ŝi perdiĝis kaj, efektive, ŝia pozicio estis tre danĝera; malintenca movado de Musketo kaj ambaŭ ruliĝus en profundegaĵon.

Mi diris en komprenebla movo de kompato:

— Mi kuras tien!

— Mi malpermesas al vi lasi min! respondis Atenais.

— Tamen, tiu malfeliĉa infanino.....

— Tiu malfeliĉa infanino agos kiel ŝi povos!... Mi malpermesas; ĉu vi aŭdas?

La krioj de Cecilino fariĝis pli doloraj.

— Tio estas terura! mi kriis; mi petas vin, fraŭlino, vi permesu al mi...

— Se vi farus paŝon malantaŭen, ĉio rompiĝos inter ni!

Tiu minaco produktis en mi efekton kiun Fraŭlino Atenais ne atendis. Mi tuj forkuris porti helpon al la malfeliĉa Cecilino. Tiam, malantaŭe, mi aŭdis energian voĉon kiu kriis tiun vorton:

— Timegulo!

Des pli malbone!.... Mian ĉenon ĵus mi rompis!

Post kelkaj momentoj, mi estis apud Cecilino. Mi ĉirkaŭprenis ŝin en miaj brakoj kaj starigis ŝin sur firma tero. Tie, kortuŝita, ŝi ekploris. Estas virinoj tre malbelaj kiam ili ploras; sed, tio ne tute estis sama afero por Cecilino. Mi konstatis ke, kvankam ŝi ne estis rimarkinde bela kiel Atenais, ŝi posedis kapteman ĉarmon, plenan je dolĉeco kaj ĉasta gracieco.

Kiel Musketo, malgraŭ miaj penoj, ne decidis por moviĝi, ni ekparolis, Cecilino kaj mi; baldaŭ mi ekvidis ke ŝia sprito kaj ŝia koro similis ŝian vizaĝon; kiel ĝi, ili estis simplaj, junaj kaj ĉarmantaj.

Kion mi ankoraŭ diros? Post unu horo, Musketo aŭdigis sian blekon anoncantan la finon de sia krizo.

Ŝajnis al mi ke tio estis triumfa kanto! Mi ĵus ekpremis la manon de Cecilino kaj ŝi ne rifuzis ĝin al mi.....

Ni reeniris Z... on kaj mi pasis fiere antaŭe la fenestroj de Atenais tenante Musketon per la brido.

Mi skribis ian vorton al sinjoro Duken por diri al li ke « timegulo » ne pli povus pretendi al la honoro fariĝi lia bofilo, dek du paĝojn al mia onklino Ursulo por klarigi al ŝi mian situacion, kaj mi komencis amindumi Cecilinon.

Mia onklino simple respondis:

« Kion tio povos fari al mi, se nur vi edziĝus kaj se mi havus nevidojn! »

Kaj post du monatoj, mi edziĝis je kara Cecilino mia; de tri jaroj, mi estas la plej feliĉa el homoj!

Jen estas kiel la krizo de Musketo liberigis min de Fraŭlino Atenais kaj donis Cecilinon al mi.

Sekve, la kara besto — kiun mi aĉetis antaŭ lasi Z... on — restos ĉiam hejme.

L. FORGET.

Traduko de LEO.

## *Protektantaj abonantoj.*

*— DEKA NOMARO. —*

**Protektantaj abonantoj kiuj reabonis:**

Association belge de photographie.
Institut International de Bibliographie.
Société royale de Géographie d'Anvers.

---

Fraŭlinoj Daenen, De Brabandere, Francina, Greiner, Lecointe.
Sinjorino C. Jamin.
Sinjoroj E. Anciaux, Paul Brixhe, Jos. Caluwaers, Chaufoureaux, Coox, Emiel D'Artois, De Waele, J. Dubois, A. Goderus, D^ro^ Godfrind, Ern. Goethals, W. Goldmann, Groenveldt, Fr. Héla, Fr. Hens, Notario Henrion, Houzeau de Lehaie, Ch. Jeanneney, Kazi-Girej, Krappowitz, A. Kofman, Kom^to^ Ch. Lemaire, H. Lekeu, Lemmen, H. Liétart, J. Massau, Léop. Pels, D^ro^ Puzakov, Generalo Reŝetin, D^ro^ Richard, Schurmans, Generalo Sebert, D^ro^ Seynaeve, Notario Vaes, Fred. Villareal, D^ro^ L. Zamenhof.

## Loterio por la Esperantistaj Blinduloj.

La sekvantaj numeroj, venditaj de ni en Belgujo, gajnis lotaĵojn :

392, 400, 401, 406, 413, 419, 421, 427, 431, 439.

Ĉar oni devas pagi la elspezon de la sendo, ĉia gajnanto ricevos, dum la februa monato, poŝtkarton montrantan la sumon necesan.

La lotaĵoj ne postulitaj post ia tempo, estos vendotaj por la malriĉaj esperantistaj blinduloj.

Ni gratulasla Esperantistan Grupon de Lyon kaj nepre Fraŭlinon Zabilon d'Her, pro la bela rezultato de tiu ĉi loterio. La blinduloj, kiuj havas jam regulan gazeton, havos baldaŭ, dank' al la sindoneco de la proponintoj, riĉan aron da libroj kiuj alportos iomete da ĝojo kaj espero en la koron de tiuj malfeliĉuloj.

## Esperantaj Verkoj.

**Lernolibroj, Literaturo, Propagandiloj, k. t. p.**

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj. Oni devas aldoni la sendpagon kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.
Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estu sendota kun poŝtmarko por respondo.
Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

KOLEKTO ESPERANTA APROBITA DE D<sup>ro</sup> ZAMENHOF.

Ĉe Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.
**Pri unu Speco de Kurbaj linioj** koncernantaj la *V<sup>an</sup> Eŭklidan postulaton*, de Profesoro A. Dombrowski.
Prezo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Mk. 0.50

### DIVERSAĴOJ.

Ĉe Librairie Espérantiste, 33, rue Lacépède, Paris.
**Trafendita turo.** Legendo Esperante verkita de S<sup>ro</sup> Th. Cart.
Oni ĝin vendas por la profito de la blinduloj almenaŭ . . . . . . . . . . . . . Fr. 0.25

Ĉe Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.
**Die Entstehung der Esperanto-Sprache,** auszug aus einem Privatbrief von Dr. Zamenhof, aus dem Esperanto übersetzt von Prof. P. Christaller. Preis . . . . . . . . . . . . . Mk. 0.10

Ĉe la tradukinto, en La Rochelle-France.
**La Supujo** unuakta Komedio de Ernest d'Hervilly, tradukita de S<sup>ro</sup> Sam. Meyer.
Prezo afrankite . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 0.40

Ĉe Mikaelo Jimeno, Avellanas, 11, Valencia, Hispanujo :
**Hispana Jarlibro Esperantista** por 1905 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Sen prezo.

Ĉe la « Imprenta de la Escuela de Ingenieros », Lima, Peruo.
**Rezisteco de le Ferkolonoj** de D<sup>ro</sup> Federiko Villareal . . . . . . . . . . . . . . Sen prezo.

Ĉe la grupo Pariza, 28, rue Serpente, Paris.
**Katalogo** de la Esperantaj libroj mendeblaj de la Grupo Esperantista Pariza.
Prezo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 0.15

**AVIZO.** — Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.
La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de ia presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C^ie^ *et chez* Spineux & C^ie^ *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.

Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

## The Cosmopolitan Correspondence Club

— *INTERNACIA ORGANISMO* —

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

## LA REVUE POLYGLOTTE

**REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ**

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro S° F. HERMANN*

**25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).**

## Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro^ J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

## L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

MONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**da poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴAMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendita deve.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enlokigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, S^ro^ **ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

## VORTAROJ.

Oni deziras aĉeti Flandran-Francan kaj Francan-Flandran vortarojn de Callewaert el la lasta eldono.
Oni deziras vendi je profita prezo, vortaron de Flandra lingvo de Van Dael, el la lasta eldono, bele bindigitan, preskaŭ novan.
Sin turni al S^ro^ L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.